三高エ ペラント会.

# VERDA UTOPIO



Oni Ludas "Ŝamisen"

Ukijoe (*japana propra pentraĵo*), de Ŝunsui Kacumijakaŭa (1715-1780)

Oktobro OSAKA, JAPANUJO. 1921

ENHAVO:

La rimedo por efekt'vigi la internacian pacon——Hagoromo——Momiji ——Kroniko——Esperanto en praktiko.

# VERDA UTOPIO

INTERNACIA REVUO ESPERANTA

ADMINISTRACIO KAJ REDAKCIO "VERDA UTOPIO" 5265 UEHOMMACHI 7-CHOME, MINAMI-KU, OSAKA, JAPANUJO.

JARABONO: Eksterlando: Yen 1. 70, Enlando: Yen 1. 50, Helpabono Yen 5. 00. Konto ĉe Kajima Banko, Osaka. Poŝtĉekkonto: Osaka No 55629

VOL. II. OKTOBRO 1921 NO. 9

## La rimedo por efektivigi la internacian pacon.

Mi estas konvinkita, ke, dum la moderna kapitalista reĝimo ekzistas, neniel oni povos trovi efikan rimedon por efektivigi la internacian pacon.

La rimedo, per kiu oni povos forsavi sin el tiu medio, estas nur unu. Ĝi estas la rimedo, kiun pli-malpli frue oni devos alpreni al si por eviti tion, ke la mondo mem detruiĝos pro sia sangavideco kaj krueleco, t.e. internacia komunismo. En tiu komunisma socio la homoj ĉiuj estos egalaj, la produktaĵoj en la mondo estos distribuataj al ĉiuj egale, kaj pro tio la konkurenco ne ekzistos plu. Kaj en tiu socio tutaj materialoj estos administrataj internacie, laŭbezone ili estos dividataj al ĉiuj popoloj, kaj la spirito de la konkurenco, kiu naskis kaj naskadas ĉian malbonon en la moderna tempo, estos malaperigita per la spirito de la justeco. Nur la internacia komunismo estas sola rimedo por transformi la nuntempan kapitalistan reĝimon tiamaniere, ke el la civilizacio kiu sekvis de la pasinteco ni povus konservi ĉion, kion ni ĉiuj respektas.

Bertrand Russell.

(El la parolado ĉe Keioo Universitato, Tokio, la 29an de Julio 21)

# Hagoromo.

Unuakta Dramo.

De J. Nagajo

## Sceno Dua.

(Daŭrigo)

**4a.** — He, Sinjoro........... He, Sinjoro...........

La fiŝkaptisto malfermas la pordon.

**Fiŝkaptisto** (*interne*). — Kiu? ...Kiu vekas nin embarase?

**4a.** — Estas mi. Pardonon, mi petas, pro ke denove mi ĝenas vin.

**Fiŝkaptisto** (*malferminte la pordon li trovas la ĉielulinon kaj estas frapita de ŝia beleco kaj ŝanĝas paroltonon iomete*). — Ha, vi estas la frenezulino, kiu nomis min ŝtelisto?

**4a.** — Mi tamen ne estas frenezulino, nek mi diris, ke vi estas ŝtelisto, kvankam vi tiel pensas.

**Fiŝkaptisto.** — Neniu trovas sin men freneza. Nun, kiu do vi estas? Benten freneziĝinta? aŭ vulpo maskevestita en formo de ĉielulino?

**4a.** — Jes, ĉielulino mi estas.

**Fiŝkaptisto.** — Ĉielulino? Hm......... Vere, el kiuj min vizitis lastatempe, vi estas plej malofta gasto. Tamen estas strange, ke ĉi-nokte ĉielulino vagadas tie ĉi. Ŝajnas al mi kvazaŭ la virino, kiu malsukcesis memmortige en\`eti sin en rivero.

**4a.** — La ĉielulino ĉiam estas tia. Tamen, pro ke mia flugilmantelo estas ŝtelita de vi, mi ne povas reveni ĉielen.

**Fiŝkaptisto.** — Vi, virinaĉo! estu serioza. Mi......kvankam mi estas fiŝkaptisto, tiel mizera kaj malriĉa, tamen

nenion kaj neniam mi ŝtelis kaj ŝtelas, eĉ monereton.

**4a.** — Por unua fojo vi ŝtelis hodiaŭ. La momenton, kiam vi ŝtelis, vi estis, ŝajne, turmentata de konscienco. Jes, tiam vi diris, ke estas troa beno de la sorto al vi tio, ke, ne nur vi ĝojegis pro tiel granda fiŝkapto, kiun vi neniam vidis ĝis nun, sed vi trovis altvaloran trezoron, kaj ke tio kaŭzas al vi neesprimeblan malagrablaĵon. Sed dum vi interparoladis kun via edzino, via humoro iom post iom ŝanĝiĝis. Kaj tuj, kiam vi aŭskultis tiujn lastajn vortojn de via edzino, ke la dio favore donacis al vi pro via honesteco, sur via vizaĝo aperis ia decidemo, kaj vi prenis la flugilmantelon kaj alportis al via hejmo ĝin.

**Fiŝkaptisto** (*diras al si mem*). — Ĉu vere! Ĉion ja bone ŝi scias. Kompreneble, ŝi rigardis ie.

**4a.** — Jes, mi okulevidis. Do, estas vane, eĉ se vi insistos. Mi bone scias ankaŭ, ke vi enkaŝis la flugilmantelon en fundon de vestotenejo. Estas legeble sur via vizaĝo, ke vi nun estas maltrankvilema pri la afero. Tiu maltrankvileco, kompreneble, estas tia, kian vi neniam sentis en via koro eĉ unufojon en via kvardekjara vivado. Ĉu ne malagrable al vi?

**Fiŝkaptisto.** — Hm...... Ja bone vi scias ĉion. Do, kial vi ne venis tiam, kiam mi prenis ĝin? Kaj kial vi ne insistis tiam, ke ĝi estas la via.

**4a.** — Mesmervidulino mi estas. Sed al mi mankas kapablo deteni aliulon de malbona ago. Nur mi povis tuj scii, kiel fariĝis mia postlasitaĵo, sed mi ne estis tie... Honestulo! vi fine konfesis, ke vi prenis

mian flugilmantelon. Nu, redonu, mi petas, al mi ĝin.

**Fiŝkaptisto** (*mendire*). — Estas embarasite! Kion fari? Estas tute neeble al mi ludi ignoranton, ĉar ĉio estas bone sciita. Efektive, estas ĉagrenige! Sed estu indiferenta pri ĉio! Mi neniam redonu al ŝi tiun trezoron, eĉ se mi trovus tian okazon, ke mi estos regalita per pugno. (*al la ĉielulino*) Neniel mi komprenas vin. Por vi estus domaĝo, ke mi ne povas kredi al vi. Ĉar antaŭ ĉio mi ne kredas, ke la ĉielulino ekzistas en la mondo krom en desegnaĵo.

**4a.** — La ĉielulino ekzistas ĉiam kaj ĉie. Nur vi ne rimarkas tion.

**Fiŝkaptisto.** — Ĉu efektive! Tamen ni estas tiel malriĉaj kaj mizeraj dum ni honeste laboradas de mateno ĝis vespero. Do, ĉio estas mensogo! Vi estas frenezulino, se ne, trompistino. Kvankam vi volus trompi nin per dorĉaj vortoj kvazaŭ en sonĝo, tamen neniu kredus al vi.

**4a.** — Kiu ajn mi estus, tamen tiu flugilmantelo apartenas ne al vi, sed al mi. Vi devas do redoni al mi ĝin.

**Fiŝkaptisto.** — Se ĝi estus reprenita de vi, tiam ni devus denove enfali en mizeran abismon, kiel antaŭe. Kaj mi devos laboradi por savi miajn edzinon kaj knabojn for de malsato kaj morto. Ne nur tio, mi neniel povos gajni tiom grandan sumon, kiom mi povos gajni per forvendo de la trezoro, eĉ se mi laboradus ĝis morto. Mi bone komprenas, ke mi estas nepardoneble kulpa; sed tamen mi ja deziras vivi tiel feliĉe kiel aliuloj kaj igi mian edzinon ĝuadi feliĉan vivon eĉ momenton. Kaj

ankaŭ por niaj knaboj mi varme deziras aĉeti ĉion, kion ili deziras havigi al si. Eĉ se vi ne povos reveni ĉielen, pro ke vi ne povas repreni la flugilmantelon, vi povus enloĝi en domego bela kaj komforta.

**4a.** — Mi povus enloĝigi vin en tiel belega domego, se vi kredus al mi. Kaj ankaŭ mi povus donaci al vi riĉaĵon pli kelkcentoblan ol la monsumo, kiun vi gajnos je forvendo de la flugilmantelo. Sed sen la flugilmantelo mi nenion povas fari por vi, ĉar mi mortus frostotremo. Jen mi ektremas pro frosta malvarmo. Efektive, mi ne povas reveni ĉielen, kiel bildoj, kies flugiloj estas fortrancitaj, se mi ne povos repreni de vi mian flugilmantelon. Ne nur tio, ne povante sin vesti kontraŭ la frosta malvarmo, mi devas elmetadi sub frostiga noktaroso mian korpon ĉiunokte ĝis kiam mi mortos de malsato kaj malvarmego. Kaj tutan tagon mi devas min kaŝi en herbaro aŭ arbareto por ke mia nuda korpo ne estu rigardata. Viaj vortoj estas komprenitaj nekontesteble. Sed vi trovu min kompatinda ankaŭ. Mian solan vivon, kun kiu mi naskiĝis, ne forprenu de mi senkompate. Redonu, mi petes, al mi ĝin.

**Fiŝkaptisto** (*al si men*). — Ho, estas ja kompatinde ! Mia koro batas kaj doloras. Kaj eĉ mia buŝo fariĝis seka. Decideme mi redonu al ŝi. (*enpensiĝinte*) Sed neniel.........ke la trezoro, kiu vive feliĉigos ne nur min sed mian tutan familianaron, estu tiel facile reprenita de mi ! Kvazaŭ mi estas almoketata de iu fripono. Tute neeble estas al mi. Estu mi kuraĝa ! Estas pli feliĉe posedi la trezoron en

la reala mondo ol enloĝiĝi ĉe palaco en sonĝo. (*al la ĉielulino*) Eble estus domaĝo por vi, sed ĝi estu donacaĵo al mi. Eĉ aro de belaj vortoj jam senutila estas. Neniam mi redonu al vi ĝin.

**Edzino** (*aperiginte sian vizaĝon*). — He, ĉielulino, kial vi postlasis tiel ŝatatan trezoron? Efektive, vi estas senzorgema. Ne nur tio, vi ĝenis nin en dorĉa sonĝo, kaj vi kulpigas nin pro via senzorgemo. Efektive, tia konduto ne estas konvena al la ĉielulino. Niaflanke tio estas granda embaraso. Nun, mi donu al vi tion ĉi, se vi tiel tremas de frosta malvarmo (*elĵetas ĉifonavestaĵon*), kaj vi deiru de ĉi tie tuj. Ni ne estas senlaborulo kiel vi. Ni devas sufiĉe plene dormi dum nokto kaj vekiĝi frumatene kaj laboradi. Vere, estas senprudente! (*ŝi fermas la pordon kaj poste ŝi denove aperigas sian vizaĝon, malfermetinte la pordon*). Se vi volus akuzi nin, ni lasu vin tute libera. Kaj vi diru, ke mia edzo, kiu estas honestulo sola en la mondo, ŝtelis vian posedaĵon. Kaj ridego de la mondo estu alĵetita sur via vizaĝo (*denove forte fermas la pordon*).

**4a.** — Ho, kion fari? Mia koro pleniĝas je malĝojo. (*genufleksinte*) Ho, dio, vi kulpigu min, se mi estas kulpa pro mia aroganteco. Sed, kredu al mi, nur mi faris ĉion, kion mi deziris, por ke tiuj homoj estu feliĉaj. Ho, dio helpu, mi petegas, al mi.

La luno ekaperas kaj la mondo heliĝas.

**Jen la luno ekaperis! Kompreneble, dio ankoraŭ ne forgesis min.**

Tiam, la edzino aperigas sian vizaĝon, malfermetante la pordon.

**Edzino.**— He, ĉielulino! Efektive, vi estas ĉielulino? Se jes, vi montru al ni ion ajn, kio pruvas vin. Tiam ni povus redoni al vi la flugilmantelon.

**4a.** — (*kun ĝojo*).— Efektive? Kion ajn mi faros laŭ via deziro, se vi efektive redonos al mi ĝin.

**Fiŝkaptisto** (*aperiginte sian vizaĝon*). — Ĉielulino! vi diris antaŭ nelonge, ke ĉiam kaj ĉie ajn sin trovas la ĉielulino?

**4a.** — Jes, mi diris.

**Fiŝkaptisto.** — Kaj tiuj ĉielulinoj ĉiuj posedas tiel belan flugilmantelon?

**4a.** — Milfoje jes. Ili ĉiuj posedas tiel belan kiel la mian.

**Edzino.** — Do alvoku kaj prezentu antaŭ niaj okuloj ilin.

**4a.** — Bonege. (*manfrapas.*)

Tri ĉielulinoj aperas flirtigante la flugilmantelon.

**Fiŝkaptisto** (*kvazaŭ frapita de ilia beleco*).— Jen miraklo! Kion fari?

**Edzino** (*al sia edzo*).— Vi, karulo, estu singardema, ĉar estas nekompreneble, kio estas ili. (*al la ĉielulinoj*) Vi ĉielulinoj! oni diras, ke la ĉielulino posedas ĉieldancon. Ĉu vere? Se jes, bonvole dancu por ni.

La ĉielulinoj ekdancas. La fiŝkaptisto raviĝeme rigardas ilin, kaj fine senkonscie aliras al ili dancetante.

(*rapide ŝi ĉirkaŭprenas kaj detenas la edzon*) He, vi, karulo mia! kion vi faras? Je unuavido de la fidanco vi estas ensorĉita tuj. Kia molanimulo vi estas! (*al la ĉielulinoj*) Jam suficege! Kompreneble, vi volas repreni de ni la flugilmantelon je tia seninteresa kaj senvalora fidanco. Kiaj simplanimulinoj vi estas! Intencante trompi nin, kontraŭe vi estas trompitaj, pseŭdĉielulinoj. Dankon.

Sed vi sufiĉe dancu kaj dancadu dum via falseco ne malkovriĝos pro tagiĝo. (*ŝi eniras en la domon la fiŝkaptiston kaj fermas la pordon.*

1 a. — Kamaradinoj, kiel vi pensas pri la afero?

2 a. — Ni erare kondutis, ĉu ne?

3 a. — Ĉu ni ne supertaksis la homojn?

4 a. — Mi neniam trovas la edzinon malbonulino. Sed mi iom pentas pri la afero. Tio kaŭzas al mi malĝojon. Ho, kial mi kondutis malsaĝe?

1 a. — Ne, tute ne.

2 a. — Eĉ se ĉi-okaze saĝeco al ni mankis, tamen, eble, la dio ne trovos nian konduton erara.

4 a. — Tamen, kion mi devas fari? Ĉu mi devus apartigi min de vi ĉiuj pro mia malsaĝeco?

1 a. — Ho, vi ne plu diru pri la afero, ĉar ĉe miaj okuloj eklarmiĝas.

2 a. — Neniam Li forlasos vin.

1 a. — Same ankaŭ nin ĉiujn, se Li forlasos vin.

4 a. — Ho, eĉ la luno sin kaŝas! Kompreneble, Li forlasis min. Pro ke mi ne estas kompetenta esti servistino de Li!

La kvar ĉielulinoj ekprolas.

(Daŭrigota)

Trad. K. Verda.

---

## Korekto.

Sur la paĝo 120 (en la antaŭa numero) oni legu "Sceno Dua" anstataŭ "Sceno Unua" kaj "(Daŭrigo)" estu nuligita.

# SOCIA VIVO

## MOMIĴI.

de **Ŝuko.**

Jam ĉe la fino de Septembro la montaro kaj la arbaro komencas demeti la verdan veston kaj ekpreni flave aŭ ruĝete koloritan. La folioj de herbo kaj arbo fariĝas pli multkoloraj. Tiun ĉi fenomenon ni nomas japanlingve " Momiĵi " (originformo Momizu—*verbo*) — kolorigado de folioj de plantaĵo — la signifo iom ŝanĝiĝis kaj " Momiĵi " estas aplikata kiel *substantivo* al la nomoj de tiaj arboj, kiuj en l' aŭtuno flave aŭ ruĝe alikolorigas sian foliaron. Ĉar, interalie, la acero estas la plej bela kaj koloriĝas plej ĉarme kaj aminde, la vorto Momiĵi fariĝis malpli granda en la signifo kaj nur estas uzata por nomi la acerarbon. Estas efektive pentrinda pejzaĝo rigardi la aŭtunan acer-foliaron, kiu fiere sin etendas — laŭ ofta komparo — kiel ruĝa, belega brokato.

Se en tiu ĉi sezono inter montegaro, granda, ŝaŭmanta akvofalo pendiĝas meze kruta ŝtonego kovrita de Momiĵi, kiel ĉarma kaj kortuŝanta estas la vidiĝo!

" Momiĵi " (pliĝuste " Kaede ") apartenas al la acer-specaj arboj kaj ĝia folio havas nedisigite zigzagan aŭ pluman formon. La plej bela kaj nobla estas la speco nomata " Jaŝū " (acero palma). Fama vizitadejo je Momiĵi estas multenombra. Precipe vastkonataj estas Kioto, Nara, Hakone, Nikko, Ŝiohara, k.c. Ĉirkaŭ Tokio ankaŭ troviĝas

du-tri lokoj.

En tiu ĉi sezono la aceramantoj faras ekskurson al ĉi-supraj acerejoj por admiri ŝatindan arbaron vestitan de pitoreska brokato. Ili ne forgesas kunporti "Hjotan" (kukurbbotelo) plenan je "Sake" (japana alkoholaĵo el rizo). La acervizito aŭ la plipopulare dirita acerĉaso ludas gravan rolon; la ĉerizfloro en la printempo kaj la acerfolio en l'aŭtuno estas sendube ĉefaj instigantoj por la florĝuado.

Kiam antikve Imperiestro atingis la aĝon de kvardek, la tielnomata "Momiji-no-Ga" (festeno sub acerarboj) havis lokon en la kortego. Pliposte ĝi okazis po unu fojo en dek jaroj. Nu ni turnu atenton al la kortuŝa rakonto en "Genĵimonogatari." La ĉefrolulo princo Genĵi dancis antaŭ la Imperiestro, sia patro, la dancon "Seigaiha" (marniksa danco, enkondukita el Ĥinujo. Du viroj faras ĝin en helblua kostumo kun onda desegno). Genĵi enŝovis acerbranĉeton en sian kronon kaj kiam la folioj disfalis, li tuj anstataŭe metis floron de krizantemo kaj dancadis kun tiel nekompareble eleganta moviĝo, ke li akiris grandan aplaŭdon de l' rigardantoj.

Ekscitite de l' belega aspekto de Momiĵi, poetoj ofte elektis tiun ĉi arbon al poemfara motivo, tial ke de antikve nekalkuleble multaj kantoj aŭ poemoj estas postlasitaj. En "Kokinŝu", la plej ŝatinda kantaro de l' Heian-epoko estas interalie jena de ĉiu konata "Uta"-poemo:

En vento blovanta sur monto "Mimuro",
En vest' multkolora moviĝas acero.
Pentrindan, similan al reĝa brokato,
Ĝin klare spegulas "Tacuta" rivero.

La ruĝa koron alloganta acerfoliaro estas ofte komparata kun pura amsento kaj pere de ĝi frapanta emocio

estis esprimata kiel ekzemple jena "Uta"-poemo en "Mannjoŝu":

Mi vidas aceron en mia ĝardeno,
Kun koro fluganta al ci, ho trezoro!
Matene kaj tage kaj nokte mi vivas
per arda sopiro, per cia amkoro.

Krom la acero sin trovas ankoraŭ diversaj arboj kaj arbetaĵoj, kies folioj ruĝiĝas en la aŭtuno. Kaj ili ĉiuj amuzas la okulojn de preterpasantoj, ornamante monton kaj monteton.

Tradukis el la japana lingvo
H. Jagi

## ESPERANTISTA VIVO

### Kroniko.

**Osaka.** La 22an de Aŭgusto, lundon, profitante la okazon de sia oficiala vojaĝo al Kobe, S-ro K. Ossaka, inĝ. de la Statafervoja Departemento, kaj la ĉefredaktoro de La Revuo Orienta, bonvole vizitis nian urbegon. Vespere la 24an, merkredon, por bonvenigi al li la societo "Verda Utopio" aranĝis ĉe la kafejo "Kurenai" vesperkunmanĝon, kiun honorigis per sia ĉeesto S-ino Ossaka, lia patrino, kiu okaze gastiĝis ĉe sia filino en ĉirkaŭaĵo de la urbo. En ĝi partprenis 20 p. Post bonvena parolado de S-ro K. Fukuta, la redaktoro de nia revuo, ĉiuj ĉeestantoj sinsekve sinprezentante unuj salutis kaj aliaj paroladetis. Poste S-ino Ossaka resalutis en la japana lingvo kaj S-ro K. Ossaka faris resalutan paroladon mirinde

belan kaj plenan je kuraĝigaj vortoj al la lokaj samideanoj, kiu kortuŝis la ĉeestantojn. Post la intersaluto oni kunmanĝis, babilante unuj kun la aliaj gaje kaj amike.

**Kioto.** De la 23a de Sep. unu sencese daŭranta kurso estos malfermita de Kioto-Esp. Asocio ĉe la Dōdō lernejo. Sro. H. Jagi gvidados ĝin. — En la Tria Nacia kolegio tri kursoj komenciĝis sub gvidado de S-roj Akimura, kaj Okumura. — En Dosiŝa Universitato Sro. Suzuki furioze propagandas. — En la Imp. Universitato la esp. klubo komencis kurson sub gvido de Sro. Hiki. — En Medicina kolegio Sro. Seo propagandas.

**Okajama.** La 2an de Sep. ĝustokaze S-roj K. Takahaŝi kaj H. Jagi renkontiĝis en Okajama kaj ili kune vizitis al la kunsido speciale aranĝita de Okajama'aj samideanoj ĉe la komerca muzeo. Sro. Furuta, fervorega esp-isto, muzestro, afable bonvenigis ilin. Du instruistinoj ĉeestis. Vespere oni kunmanĝis ĉe la kafejo Brazilujo kaj gaje babiladis ĝis la 10a. La 3an, de la tagmezo estis aranĝita ĉe la domo de Sro. Furuta Esperanta koncerto. Multaj ludis tre bele harmonikon. Kaj kelkaj fajfis " Ŝakuhaĉi ". Vespere ili afable adiaŭis la du aliurbajn samideanojn ĉe la stacidomo.

# Esperanto en Praktiko.

## Internacia Movado por forigi Militon.

La antimilitista kaj antikapitalista organizaĵo estis fondita antaŭ ne longe en Anglujo sub la nomo " Internacia Movado por forigi Militon " kaj ĝi jam publikigis eldonon en esperanto de sia Deklaracio Kontraŭmilitista : " Kredante, ke ĉia milito estas malprava kaj ke la armado

de la popoloj, ĉu mare, tere, aŭ aere, estas perfido kontraŭ la spirita unueco kaj la inteligento de la homaro, mi deklaras, ke estas mia intenco neniam partpreni en milito ataka aŭ defenda, internacia aŭ civila, ĉu portante armilojn, febrikante aŭ tuŝante municion, memvole kotizante al milita prunto, aŭ uzante mian laboron kun la celo liberigi aliajn por milita servo. Plue, mi deklaras mian intencon klopodi por la forigo de ĉiu kaŭzo de milito kaj labori por la fondo de nova socia ordo bazita sur kunlaborado por la komuna bono." Esperantistoj, kiuj simpatias kun la celoj de la movado kaj volas helpi tiun valoran propagandon, sin turnu al F-ino Beatrice C.M. Brown, sekretariino, No more war international movement, 23 Bride Lane, London E.C.4.

## Virina Kontraŭmilita Ligo Internacia.

Lastatempe stariĝis en Paris. Ĝi intencas ĉiel eble batali por rapide ĉesigi la fratmortigajn batalojn. Esperantistoj, kiuj volas helpi al ĝi kaj deziras interrilatiĝi, sin turnu al S-ino Lariviere, 14, Rue des Liens, Paris IV. (Esperanto estas uzata por la eksterlanda korespondado)

## Le Cuir (La Ledo).

Franca gazeto de Leda Industrio.

Dezirante enkonduki en sia eksporta eldono "La indekso de ledaj industrioj" esperantan fakon, ĝi petas al ĉiuj esperantistoj interesiĝantaj al la leda komerco aŭ industrio, sendi ilian adreson kun la indiko de la profesio al S-ro Ĉefredaktoro de "Le Cuir", 45, Rue de Bondy, Paris Xe.

大正十年十月八日印刷
大正十年十月十二日發行
編輯兼發行人 印刷人 [illegible]太郎
大阪府泉北郡濱寺町字船尾一七七九
[illegible]
發行所 ヴエルダ・ウトピーオ社
大阪市南區上本町七丁目五二六五